

# PENSEO

*N-ro 149*

*Mar./2004*

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 15-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm

**Vadant**

## Prikantado de Lotusfloroj

I

**ANTAŬTENI**



Antaŭtenas mi animan matenruĝon,
Sed malgraŭ ricevus ĉu laŭdon aŭ fuŝon.

Antaŭtenas mi sinceran poem-ŝoson
Sed malgraŭ ricevus flegon aŭ riproĉon.

Antaŭtenas mi ankoraŭ kun fervoro,
Por aperu monde pli da lotusfloroj.

II

**EĈ SE** …



Ĉu vi rerigardos pluvarkon kun ĉarmo?
Ĉu vi repromenos al roj' kun favor' do?
Eĉ se ĝi nur estas pluveto sen varmo,
Eĉ se ĝi nur estas ondeto sen sorto.

Eĉ se ĝi nur estas ondeto sen sorto,
Eĉ se ĝi nur estas pluveto sen varmo,
Ĉu vi repromenos al roj' kun favor' do?
Ĉu vi rerigardos pluvarkon kun ĉarmo?

III

**TRAGIKE PATOSA**



Vi levas rigardon vian al ĉielo,
Sed vi devas stari ankoraŭ sur tero.
Al suno vi donas ridon por pilgrimo,
Sed vi nutras vin ankoraŭ per ŝlimo.

Belega sopiro sur lazuro ŝvebas,
Sed via radiko lage rampe strebas.
Ruĝlubo animon ofte vokas flugi,
Tamen ĝin realo ĉiam fortas jugi.

Subita ventego blovus eble tage
Kunporti petalon vian alten vage:
Veturi boate de la nova luno,
Kisadi vizaĝon de la ruĝa suno.

Tamen por reali l' flugon grandiozan
Bezonitos morton tragike patosan.

IV

## AL RUĜ-LOTUSFLORO



Jes, vi ne povas longe reteni
la karminan liparon teneran,
Samkiel mi ne povas kuntreni
Super-pintan ruĝlubon ĉielan.

Jes, vi ne povas longe reteni
la purecan lotusfloran ĉarmon,
Samkiel ni ne povas kuntreni
Nebulan robandon, verdan kalmon.

Prisemu ĉe min do per rido via,
Kio burĝonos arĝent-sonorile,
Kaj iĝos luno elverŝi favoron.

Plantiĝu ĉe min do rigardo via,
Kio flame kreskos oro-brile,
Kaj iĝos suno lumi mian koron.

V

## ZEFIRO DE LOTUSFLOROJ



Sub matenruĝo etende vin verde tenere,
Vigle vi haste alvenas kun rida rigardo.
Volas knabinoj fandiĝi kun via ĉarm-ardo,
Knaboj esperas sin ravi en vi reva hele.

Sed vi ne haltas, al foro rondelas leĝere,
Al ni nur lasas grapolon da kant' kun muar' do.
Ĉu por ŝarĝite atingi ien sed sen tardo?
Ĉu por alĝui belan rendevuon fabele?

Ne povinte haltigi l' figuron hasteman,
mi nur eltiras de vi matenluman hel-klaron
kiel ventplenan veleton por gliti sonĝ-maron.

Ne povinte restigi la paŝon promenan
mi nur eltiras de vi matenruĝan petalon
kiel magian koloron por tuĉi versaron.

VI

## MEDITADO



Neniam estas hel-ĉielo，
Ĉu evitendas pluva ŝvelo？

Neniam estas ja oazo，
Serĉindas ĉu trankvila paco？

Neniam estas flugil-paro，
Iel ajn floŝu do sur maro！

Neniam estas ja kompreno，
Ne gravas beno aŭ malbeno。

Neniam estas vera amo，
Do la disiĝo，　kia dramo？

Neniam estas geaj mi vi，
Do kion jam signifas vivi？

Neniam estas pura koro，
Malam'　aŭ amo ---- samkoloro.

Neniam estas paradizo,
Timindas ĉu infera vizo?

## VII
## Belaj Koroj



Jes, ĉiam en tiel ĉarmega vespero,
Dekliva sunlumo enŝvebas arbaron.
Radioj leĝere ekas lagan balon,
Kaj oras ridon de zefira rondelo.

Jen kiel kortuŝas rigarda sincero,
Kaj mildas kareso sur koran petalon!
Kvankam dika branĉo ne sendas signalon,
Sed floroj folioj flirtas sub ŝancelo.

Iuj svingas sian leĝeran flav-tulon,
Iuj lante dancas kun verda bikino,
Iuj eĉ elsendas jadecan ambrulon,
Iuj sin ornamas mute per karmino.

Sur lago lotusaj floroj kun koloroj,
Stimulite arde aspiraj bel-koroj!

## VIII
## SUSPIRO



Promenis mi ĉirkaŭ vi en tiu tago,
Volante aŭskulti koran trilon de vi,
Volante rigardi ĉarman ridon de vi.
Sed teniĝis via koro kiel sago,
Kaj foren al alta lazuro pafiĝis.
-------sub via fiero mi mute foriris.

hieraŭ zefiro transdiris jam al mi,
Ke pluvo debatis jam revan aspiron,
Realo derompis naivan deziron.
Vi volis do tere arome ekĉarmi,
Al ĉie min vokis por vin akompani.
------Tiam vadis mi, ne povis ĉe vi stari.

Hodiaŭ mi haste alvenas, ĉu vane?
Sunlumo karesas velkintajn de pompo,
Sed floro difekta similas al klompo.
Defalaj petaloj palas ĉu nirvane ?
Kapkline direme vi sed ne parolas.
------Mi longe suspiras por ke vi forfloras.

## IX
## IDILIO ĈE LOTUSLAGO



Jen lago revanta, verdo sinetenda.
Lotusa sorĉa floraro
Okulume kun madrigalo
Al somero iras en vico serpenta.

Post sveno de la vesperruĝo fragmenta,
El via svelta okulharo
El via flirta jup-falbalo
Elpendas vespero muare silenta.

Zefiro nin kisas, novluno tenere
Malmergas el lago plezuron.
Arĝentas elkoran murmuron.

Ni stelajn radiojn jam plektras leĝere.
Gracia grilo lante aldu!
Nun sinki belsonĝen ni startu!

X

## POLMO ANIMO-FANDEBLA

Vespere ricevis lunluman favoron,
Matene ensorbis sunluman fervoron,
Eltrejnas vi polmon animo-fandeblan.
Do, kiu aŭdacos moki lotusfloron?

XI

## EN KORO ESTU LOTUSLAGO

Jen lago lulas verd-muaron,
Aromas lotus-flora ondo,
Nov-suno kisas foliaron,
Sur kio brilas rosa ton' do.

Jen lago lulas verd-muaron,
Sen sange por-milita fronto.
Arĝenta luno plukas harpon
Sub kio dormas fiŝa rondo.

En koro estu lotus-lago,
En kio kresku verd-espero,
Per amikec' , en ĉiu tago
Belegu Mond' en paca tenero

XII

## RONDELO DE LOTUSFLORO

La floro lotusa jen kvazaŭ knabino
Flirtante or-haron al suno somera,
Prodigas la ĉarmon de vivo fiera.

Ĉu trema espero por rava kombino?
Ĉu ĝemo sopira el plendo tenera?
La floro lotusa jen kvazaŭ knabino
Flirtante or-haron al suno somera,

Surlage ondetojn glazuras karmino,
Ekflagras folie rosaro hel-bela,
Eĉ glimas zefiro arome rondela.
La floro lotusa jen kvazaŭ knabino
Flirtante or-haron al suno somera,
Prodigas la ĉarmon de vivo fiera.

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@elerno.net
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊